

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Año XX Nº 251 MAYO-JUNIO 1982

# MALAGA NIA NUNJARA KONGRESURBO

Haveneniro kaj Placo «de la Marina»

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

DIRECTORA
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:

D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez
D. Luis Serrano Pérez
D. Miguel Gutiérrez Aduriz


*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko, ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro, do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*


Depósito Legal VA 616 – 1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid


# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID 4

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña [illegible]
Avda. Ramón y Cajal 12 2º C
Télf. (983) 260080
VALLADOLID 11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID-14

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

**LIBRO SERVO DE H. E. F.**

Dos de Mayo, 4
VALLADOLID 4

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO SERVO DE H. E. F.
VALLADOLID

**ELDONA FAKO**

Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35-4º
ZARAGOZA-1

**INFORMA FAKO**

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

**ĈEFDELEGITO DE UEA**

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

**H.E.J.S.**

Miguel Angel Sancho Pardo
Atocha, 98-4º
MADRID-12

# SALUTO KAJ INVITO

Alproksimiĝante la venonta Hispana Esperanto-Kongreso, mi kore salutas kaj invitas vin partopreni en ĉi tiu Kongreso okazonta en la bela urbo Málaga.

Multaj jaroj pasis de la antaŭa Hispana Kongreso okazinta en ĉi tiu urbo la jaron 1.959-a, de feliĉa rememoro por la tieaj ĉeestintoj, kaj kvankam la jaroj pasis kaj eble ŝanĝis la personoj, tamen la entuziasmo kaj la laboremo de niaj samideanoj ne ĉesis, kaj la nunaj membroj de la Loka Kongreso-Komitato aranĝas la programon por la 42-a Hispana E-Kongreso por ke ni ĝuos la esperantistan etoson kaj samtempe konos iom plu tiun belegan parton de nia Lando, nome: Andaluzion.

Málaga, mediteranea mara urbo, ĉiam pruvis eksterordinaran kapablecon por akcepti la fenomenojn, kiuj pro ĝiaj geografiaj kaj historiaj karakteroj atingis iliajn marbordojn; sed, tiu akceptemo ne estis mimetika, sed riĉiga kaj originala, kaj jen la riĉecon de la andaluziaj kulturo kaj arto, de la plej klasikaj ĝis la plej modernaj, kiel atestas la pentraĵojn de Picasso, ofte kromnomata «la universala hispano».

Atesto de tiu evoluo de la kulturo estas la Alkazaba, de romiaj originoj kaj tamen, la plej elstara monumento de la muzulmana Málaga, kun la kastelo Gibralfaro. Tiu ĉi tutaĵo enhavas harmonie kunligita fortikaĵon, palacojn kaj ĝardenojn.

La interesoplena Katedralo, renasanca, kaj ne malproksime la domo kie laboris la skulptisto Pedro de Mena.

Sed, paroli pri Málaga signifas ankaŭ revi pri la Suna Marbordo, ĝia blua pura ĉielo, ĝiaj mondfamaj strandoj, ne forgesante la belegajn Grotojn de Nerja, kie la naturo regalis nin per mirindaj fantazioj, laŭ alloga ekvilibrio de profundeco kaj mistero.

Trarigardante la programon de la Kongreso, ni rimarkas ke krom la diskonigo de tiu menciitaj mirindaĵoj kiujn Málaga enhavas, la L.K.K. proponas al ni ekskurson al la ĉirkaŭaĵoj, montron de la fama Malaga folkloro kaj rimarkindajn kulturajn programerojn. La Kongreso de Málaga povas esti taŭga momento por pulsi nian hispanan movadon, per la diversaj aranĝitaj simpozioj, kaj serioze partopreni en ili.

La Estraro de H.E.F. ankaŭ finas sian etapon en ĉi tiu Kongreso.

Alproksimiĝas la momento de la estrara ŝanĝo, kaj por tiu celo, ni konsilas pripensi venontan sidejon por nia Federacio kiel frukto de konscia kaj natura anstataŭo.

Karaj gesamideanoj, ĝis revido en Málaga.

**M. Rafaela Urueña**
**PREZIDANTINO DE H.E.F.**

# ESPERANTO SUR LIA VOJO



S-ro Navarro Clemente kaj edzino

Hodiaŭ ni prezentas, sub tiu titolo, entuziasman samideanon, kiu dum multaj jaroj daŭre instruis Esperanton en diversaj urboj, samtempe konigante al siaj gelernantoj la humanecan spiriton de la lingvo de Zamenhof, ĝian Internan Ideon. Temas pri nia bona amiko, la emerita profesoro s-ro Felikso Navarro Clemente, de Valencio, kiu s-no, malgraŭ sia 73-jara aĝo, montriĝas mense vigla al niaj demandoj. S-ro Navarro ĝoje dediĉas sian tutan disponeblan tempon al la disvastigo de Esperanto, kio liadire efikas sur lin, kiel rejuniga medikamento. Jen do la memoraĵoj de lia esperantista protagonismo:

**Ĉu vi afablos priskribi la historion de via esperantista vivo?** Jes, tre volonte. En la jaro 1931-a, mi profesiis en Sollana, vilaĝo proksima al Valencio. Mi ne memoras kiel, iu donis al mi la t.n. ŝlosilon «La llave del Esperanto». Tiam mi preparis min por promociiĝo al oficiala rango. Kvankam mi ne havis liberan tempon, mi foliumis la libreton, kaj ĝi altiris mian atenton. Poste, mi mem lernis la Internacian Lingvon pere de «Curso Práctico de Esperanto», verkita de R. Duyos kaj V. Inglada, eldonejo J. Espasa.

La unuan Esperanto-kurson mi instruis en Utiel, somere, ĉe la institucio Agrokultura Ĉambro. Tiuokaze min prezentis la tiea UEA-delegito, s-no Generoso Planells. En Gandía, la jaron 1933-an, mi gvidis du Esperanto-kursojn: la unuan, por miaj junaj gekolegoj - dek provizoraj geinstruistoj - kie mi ekkonis fraŭlinon, kiu kun la tempo fariĝis mia fianĉino, kaj poste mia nuna edzino; la duan kurson mi klarigis ĉe la «nokta lernejo», licencite por tio de ĝia lernejestro. Krome, mi aktivis en ĉiusemajna kampanjo por propagando de Esperanto tra «Radio Gandía», kie mi ekamikiĝis kun la elstara samideano Rafael Vizcaíno. Sed estis dum la internacia SAT-kongreso,

estiĝinta en Valencio, la jaron 1934-an, kiam ravita de la praktika utileco de Esperanto, kaj konscianta pri la bono, kiun ĝia Interna Ideo implicite kunportas por la homaro, mi plejalt-grade entuziasmiĝis pri la lingvo, kaj de tiam mi pli konstante semis, semas kaj semos la Zamenhofan kreaĵon, kiun mi konigis kiel kursgvidanto. Ankaŭ samcele, post obstina kaj pacienca laboro, mi atingis aperigadi mian Esperantan kurson en la bulteno de la grava «Valencia Ŝparkaso», kiu institucio havas milojn da oficistoj.

En Valencio, kien mi translokiĝis la jaron 1953-an, la kvar muroj de la lernejo, kie mi profesoris, estis tute kovritaj per poŝtkartoj kaj leteroj el la kvin kontinentoj. Tiu korespondaĵo, ricevita de miaj Esperanto-kursanoj, fariĝis pedagogie tre utila, por konigi la koncernan landon, al miaj disĉiploj de la ĝenerala baza instruado. Tiun mian izolan agadon por Esperanto neniu valencia samideano sciis, ĝis kiam unu el miaj «librotenaj lernantoj» de la «nokta lernejo» (ankaŭ mi dediĉis al ili Esperantan horkvaronon), junulo tre babilema, vizitis la Esperanto-Grupon de Valencio. Li surprizis ĉiujn parolante nian idiomon, sed ankoraŭ pli, kiam li klarigis, ke li lernas Esperanton en la «nokta lernejo» de la tiea institucio «Patronato de la Juventud Obrera».

Tiu anekdoto igis min kontakti kun la loka Esperanto-Grupo, kaj ekde tiam mia lerneja infanhoro «Esperanto» prenis parton ĉiujare en la datreveno de la naskiĝtago de nia Majstro (vidu en «Boletín» de HEF, januaro-februaro 1970, paĝo 13-a) ĝis mia emeritiĝo, la jaron 1973-an).

Cele propagandi la lingvon, ankaŭ kun la menciita infanhoro «Esperanto» mi ĝojis konkuri, per adekvata muzikaĵo titolita «La tago de la Kristnask», la Konkurson de Kristnaskaj Kantoj, kiun oni oficiale organizis en «Teatro Principal de Valencio».

**Kiel dirite, vi diversloke instruadis la Internacian Lingvon. Ĉu vi do bonvolas rakonti vian sperton kaj opinion pri ĉio rilata al la Esperanto-kursoj?** Jes. Estas kompreneble, ke ĉiu Esperanto-kursgvidanto havas propran instrumanieron kaj preferatan sistemon. Persone mi spertis ke la lecionojn oni devas prezenti kiel eble plej facile, por ke la lernantoj tuj ekkomprenu ilin. La ekzercoj, ĉu parolaj aŭ skribaj, estu laŭeble viglaj kaj gajigaj, kaj kompreneble maksimume simplaj. La instruanto oportune petu kolektivan respondon



**Nia samideano kaj siaj gelernantoj okaze de Kristnaskkanta konkuro**

pri la signifo de iu elektita frazo aŭ spritaĵo de la koncerna leciono, por tiel ekkuraĝigi la gekursanojn. Iom post iom individuaj respondoj pli ofte ripetiĝu. Parkerigado de Esperantaj kantoj, kun simpla teksto, multe helpas akiri la necesan vortprovizon, same kiel ekkorespondado kun eksterlandanoj, komence helpata de la kursgvidanto, kiu cetere daŭre klopodu veki ilian entuziasmon, por kio helpos informado pri la lastaj sukcesoj de Esperanto ktp, en Hispanujo kaj eksterlande.

Oni ja devus konscience prepari instruontojn, kaj se eble instruistojn de Esperanto. Tiu tasko estas fakte tre malfacila, laciga, kaj postulas multe da tempo, kun bonvolaj esperantistoj pretaj oferi karajn horojn de sia vivo, senpage, por nia alta idealo. Estus modele, optimume, ke ĉiu instruanto merite posedus Esperanto-diplomon de profesoro, sed ĉiam kaj ĉie bedaŭrinde ne disponeblas ekzemple pri unu... Andreo Cseh aŭ similaj! En Cheste oni instruis Esperanton... ĉu iu universitata profesoro? Ne, simpla terkulturisto, la karmemora Francisco Máñez, kiu esperantistigis la tutan vilaĝon!.

Tial, post mia unua leciono, ĉiam mi diras al miaj gelernantoj: se vi opinias, ke Esperanto meritas esti disvastigata, invitu viajn interesiĝantajn geamikojn ĉeesti la klasejon, sed se ili ial ne povas ĉeesti, tiam vi mem, laŭ via scio, klarigu al ili ĉi tiun lecionon kaj daŭrigu plu, por kio mi simbole vin nomas profesoroj. Pri la sukcesa apliko de tiu procedo, mi povas citi kelkajn lokojn, ili estas: Buñol, Manises, Labora Universitato de Cheste...

**Ĉu vi afablas priskribi alian anekdoton el via esperantista vivo?**

**Jes,** ĝi okazis en Majorko: Gelernantoj de la Nacia Kolegio de Rafelguaraf (Valencio), turismis por festi sian ellernadon. Tie renkontiĝis kun japanaj gejunuloj. Per ridetoj kaj granda kvanto da simpatio ili salutis sin reciproke. Bela japanino fotis la grupon. [illegible] ŝi petis la adreson de la hispana knabino. Mi ĉeestis kaj profitis la okazon paroli pri la utileco de la Internacia Lingvo.

Oportune ĉi tiu junulino ricevis fotografaĵon kun paperpeca japana skribaĵo. Sed, kion signifis tiuj strangaj signoj? Kiu malkaŝus la misteron? Nesolvebla afero por multegaj personoj, sed tre facila problemo por iu ajn esperantisto.

La sciavidaj gejunuloj rememoris, ke mi parolas Esperanton. Ili sendis al mi tiun enigman paperon. En jarlibro mi serĉis adreson, skribis al Japanujo kaj tuj mi ricevis ĝentilan, afablan longan leteron, krom la solvo de la enigmo: LA ADRESO DE LA SENDINTINO!

**Kian mesaĝon vi sendus al la esperantistoj nialandaj, por ke ili plej pozitive kunlaboru al la fina oficialigo de Esperanto en Hispanujo?** Al multaj samideanoj mi rekomendus la legadon de la Zamenhofa poezio «La Vojo». Post ĝia relego kaj primeditado, ĉiu agu konsekvence. Ke Esperanto estu por ni kiel la aero, kiun oni bezonas por vivi. Ke ĉiu strebu enkonduki nian lingvon en ĉiujn mediojn: skoltojn, Ruĝan Krucon, politikajn partiojn, lernejojn, liceojn ktp. Estas necese nepre kreskigi la samideanaron, por ke ĝi estu grandega. Tiam, nur tiam, la oficialaj institucioj agnoskos nian forton, nian gravecon, kio lastvice decidigos la Registaron pozitive konsideri la oficialigon de la Internacia Lingvo.

Fine, mi petegus, ke ĉiu samideano, individue, pripensu kaj respondu al si jenajn demandojn: 1) Ĉu vere MI opinias (mi, ne la aliaj!), ke nia idiomo estas kaj utila kaj kun nobla idealo?; 2) Kion MI faras por ĝia disvastigo?; 3) Kion Mi povus fari tiucele?; 4) Kial MI ne faras ĝin? (ĉar ja kiu volas, tiu povas!); 5) Do, MI estu...

**Intervjuis V. H. Ll.**

# NEOLOGISMOJ EN LA ESPERANTA DON QUIJOTE

Antaŭ kelkaj tagoj venis al miaj manoj la protokolo de publika kunsido okazinta en Brazilio en la kadro de la 66ª Universala Kongreso, julion 1981. Laŭ la protokolisto, unu el la partoprenintoj, la konata esperantisto s-ro Dratwer, «nomas "fuŝtraduko" la Cervantes-tradukon pro tro da neologismoj / aplaŭdo de la publiko /».

Mi respektas la preferon de s-ro Dratwer persone uzi ducent-aŭ tricent-vortan esperanton, se li tion deziras, sed mi ne povas akcepti lian absurdan arbitron taksi la valoron, aŭ la senvaloron, de literatura verko, laŭ la nombro de ĝiaj neologismoj.

Kio estas, por s-ro Dratwer, tro da neologismoj? Nu, okazas, ke en mia versio de "Don Quijote" mi uzis nur —dece glositajn— 21 verajn neologismojn, t. e. vortojn unuafoje enkondukitajn, kiuj formas apenaŭ guton en la maro de tiel dense presita volumego. Jen ili: **Supliki, letroj, pucelo, sajo, kralo, berni, harniso, cimitaro, arobo, garzono, strapado, moriono, palefreno, eskirmo, dublono, mustaĉo, digresio, dago, tusko, kruzado, ola-podrido.** Ne estas nun la okazo klarigi, kiun motivon mi havis por krei ĉi neologismojn; mi nur diru, ke ili ne naskiĝis pro impulso de kaprico. Al du oficialaj vortoj: **boto** kaj **estrado** mi donis respektivan kromsignifon, same glositan sialoke.

La ceteraj neoficialaj vortoj aperantaj en la traduko sidas en PIV / krom tri kvar, pro preteratento /, kaj ilia granda parto komencis uziĝi antaŭ proksimume 50 jaroj: **aspra, basa, degni, delica, dista, dura, hasti, hida, lanta, morna, olda, pigra, povra, rankoro, rara, sinki, streta, supla, tarda, tenera, turpa...**

Proporcie, la majstra **Infero**, por ekzemplo, havas multe pli da "neologismoj" ol **Don Quijote**, do sendube s-ro Dratwer same opinias, ke tiu kalocsayaĵo egalas al fuŝtraduko. Kaj ne nur **Infero**, sed certe ankaŭ la libroj de la plej alt-nivelaj kaj prestiĝaj aŭtoroj, ekde Zamenhof kaj Grabowski / ambaŭ terure neologismemaj! / ĝis Knoedt kaj de Kock, tra Waringhien, Kalocsay ktp.

Ŝajne s-ro Dratwer ne kapablas kompreni, ke esperanto, kiel la ceteraj lingvoj, povas kaj devas taŭgi kiel komun-uza komunikilo, kiu bezonas nur simplan vorto-provizon, kaj ankaŭ kiel literatura vehiklo postulanta pli nuancitajn kaj riĉajn esprimo-rimedojn.

Se oni lernis nur simplan esperanton kaj ne volas progresi, prefere oni ne tuŝu la literaturon. Sed oni ne arogu al si, ke verkistoj kun artismaj sento kaj gusto teniĝu inter la sufokaj limoj de, ekzemple, la **Fundamenta Krestomatio**.

Se esperanto ne kreskus kaj disvolviĝus ĉefe pro la laboro de la

literaturistoj / kion ŝajne deziras s-ro **Dratwer** kaj liaj aplaŭdintoj /, nia lingvo rapide velkus kaj mortus de anemio. Dank' al Dio, la prestiĝo de esperanto grand-parte ŝuldiĝas al «fuŝverkoj pro / tro da / neologismoj». kiel **Floroj de Malbono, Infero, La Trofeoj, La Luzidoj, Soifo, La Infana Raso, Tutmonda Sonoro, Kiel Akvo de l' Rivero, Kontralte** ktp.

Tre honoras min, ke s-ro Dratwer **metas mian Don Quijote** en la saman sakon kun la menciitaj verkoj. **Eble pro** ia **deformiteco** de mia spirito mi preferas resti apud la fuŝuloj Zamenhof, Waringhien, Kalocsay, Auld, Boulton, Schwartz, de Kock, Tarkony, Knoedt ktp. ol ricevi la aprobon de s-ro Dratwer.

**Fernando de Diego**

---

# 42-a HISPANA ESPERANTO KONGRESO

## LOĜADO

La Organiza Komitato de la nunjara H. E. Kongreso okazonta en Málaga, sciigas nin ke ĉiu aliĝinto devas serĉi loĝejon per si mem, aŭ pere de vojaĝagentejo.

Ĉiu aliĝinto al la Kongreso ricevos kun la kongresa konfirmilo, liston de ĉiuj hoteloj, pensionoj kaj gastejoj por faciligi al ili la rektan kontakton.

## KONGRESEJO

Situanta en la Alameda de Andalucía 54-56 (Obra Cultural de la Caja de Ahorros Provincial de Málaga) kun komfortaj sidlokoj kaj kun aerumita sistemo por agrabligi nian restadon kaj faciligi la kongreslaboron.

## LIBRO-SERVO

En la Kongresejo oni prezentos la plej varian kaj diversan liston da esperantaj libroj kaj esperantaĵoj. Vizitu ĝin kaj kompreneble, aĉetu ion.

## HONORA KOMITATO

PREZIDANTINO.—S-ino Soledad Becerril, Ministrino pri Kulturo.

MEMBROJ.—S-ro José Pedro Pérez Llorca, Ministro pri Eksteraj Aferoj.
S-ro Juan José Rosón, Ministro pri Internaj Aferoj.
S-ro Luis Gamir, Ministro pri Transporto, Komunikado kaj Turismo.
S-ro Federico Mayor Zaragoza, Ministro pri Edukado kaj Sciencoj.
S-ro Pío Cabanillas Gallas, Ministro pri Justeco.

---

# NIAJ GRUPOJ

## BILBAO

Kiel kutime, la kunvena tago estas ĉiu lunde, je la oka vespere, kaj por la komencantoj daŭrigis la kurson marde kaj ĵaŭde, je la oka vespere.

Organizite de la Grupo, kaj kun partopreno de 8 samideanoj, komencis la dua ŝakluda konkurso «S-ro Antigüedad».

## BARCELONA

**Barcelona Esperanto-Centro** inaŭgûris E-ekspozicion en sia sidejo, enhavanta la plej altiran kaj interesajn afiŝojn pri Esperanto-Kongreso kaj renkontiĝoj. La aranĝo estis tre sukcesa.



Nia samideano S-ro José Pedro Llinares gvidas programon pri Esperanto elsendata de «Radio Obrera» de Barcelona, ĉiu merkrede je la 17,30 kaj per tiu medio oni diskonigas informojn pri Esperanto.

La ĵus komencita kampanjo por instrui Esperanton, farita esence per afiŝoj en la stratoj kaj per la publikigo ue informoj kaj notetoj en revuoj kaj ĵurnaloj de nia urbo, treege sukcesis kaj dum la nuna lerneja periodo, oni instruas nian internacian lingvon en pli ol 25 kulturaj kaj edukaj asocioj.

Ankaŭ grava estas la fakto ke dank' al la kontaktoj de S-ano Jesús Pérez Caballero kun la aŭtoritatuloj de Castellón de la Plana, ĝia urba konsilantaro aĉetis de **Iberia Esperanta Servo**, 1.000 elementajn vortaretojn de Esperanto, kun la celo disdoni ilin senpage al la lernejoj kaj kulturaj asocioj.

## MANRESA

La pasintan monaton marto, «Lingua Club» (Lingva Klubo), la ununura Esperanto-Asocio en Manresa, aranĝis novan elementan kurson, uzante la novan lernolibron «Curset d'Esperanto» verkitan de S-ro Pere Saumell.

## CORDOBA

Okaze de la Semajno pri Sankta Tomaso el Akvino, la kultura fako de la Liceo «SENECA» prezentis ekspozicion pri kulturaj aktivaĵoj inter kiuj estis du afiŝoj pri Esperanto. Pruvo de la revigligo de la E-movado en mia urbo estas la fakto ke mi partoprenis en radio- programo okazinta en Radio Cadena Española, kiel delegito de Esperanto, kune kun la delegitoj pri Speleologio kaj Teatro. En la programo oni reliefigis la gravecon de Esperanto en la kadro de la kulturaj servoj de la Liceo.

**José María Rodríguez**

## MADRID

Dum la pasinta monato Oktobro 81-a, la Urbokonsilantaro de Madrid, decidis, akceptante la peton de Madrida Esperanto-Liceo, doni al nova strato la nomon «Idioma Esperanto».

Dum la jaro 1981, proksimume 600 novaj gelernantoj aliĝis al niaj Elementaj kursoj. Bedaŭrinde, multaj el ili, post la fino de la kurso, foriras sed multaj ankaŭ restas por ĉiam esperantistoj kaj propagandos nian idealon.

Kiel jam aperis en la pasinta numero de BOLETIN, vi jam scias ke nia samideano



**S-ano Rodrigo Vaquera vendante esperantajoĵn en la Fakultato pri Filologio**

Gonzalo García Alvaro subite forpasis. Tio estis por ni granda perdo, ĉar nia samideano estis kunfondinto de la lasta Madrida Esperanto-Liceo, en la jaro 1973, kaj multe aktivis por la E-movado en Madrido. Li pace ripozu.

**Augusto Casquero**

## SEVILLA

La aktivado en Sevilla estas pli kaj pli grava. Nuntempe okazas en nia urbo tri kursoj en la jenaj asocioj: Casa del Pueblo de S. Jerónimo, Ateneo Popular kaj Academia Sevillana de Esperanto. Oni preparas universitatan libervolan kurson, sed ĝi ankoraŭ ne komenciĝis. Ankaŭ en la universitata kadro, grava estas mencii ke S-ano Manuel Ramírez atingis la akcepton de sia Doktoriga Tezo pri Esperanto, t.e. eble la unua el la tuta lando. Tiu Tezo estis gvidata de la Katedra Prof. D-ro Vidal Lamíquiz.

En la kadro de kulturaj institucioj, post interparolo kun la direktoro de la monumenta artkonstruaĵo «Itálica» li promesis al ni publikigi broŝuron plurlingvan, inkluzivante Esperanton.

Menciinda estas la informa laboro farita de la Sevilja Esperanto-Asocio pere de radioj, gazetaro kaj regiona televido. Tiel, post reveni el la Kongreso en Murcia, S-ano Victoriano Márquez kaj lia filo Nano, tre konata inter ni, partoprenis en televida programo kaj raportis pri la Kongreso. En la loka gazetaro, inter ili, «El Correo de Andalucía» oni publikigis plurajn intervjuojn. Ankaŭ la ĵurnalo «ABC» tre favore raportis pri prelego de S-ano José Abeledo en la sidejo de «Comunidad Holística».

Kiel atesto de la intereso vekiĝinta en ĉiu amasmedio, la 15-an de marto, kaj subite, eniris en la sidejon de nia Asocio radioparolistoj kaj teknikistoj de Radio Sevilla (SER) kiuj rekte disaŭdigis duonhoran programon kun partopreno de la tuta lernantaro dum la klaso.

Fine ni mencios la aperon de revueto SEJO eldonita de la junulara Grupo.

**Rodrigo Vaquera**

## VALLADOLID

La jam tradicia Semajno de Internacia Amikeco, kies inicianto estis la sveda samideano Erik Carlén, estis aranĝita de la Grupo «Fido kaj Espero» de Valladolid kaj certe la tuta programo atingis bonan sukceson.



**Nia japana samideanino kun la sinjoroj Martín Herrero kaj Hernández**

La 23-an de Februaro kaj en la Salono de la sidejo de la Grupo, prelegis hispane S-ano Vicente de la Parte pri la temo «La Originoj de Romo». La temo, rakontita amuze kaj gaje, altiris la atenton de la ĉeestantaro, kiuj poste vidis belajn lumbildojn de Romo, prezentitajn de S-ro Dativo Blanco, kiu ankaŭ projekciis lumbildojn pri la I.F.E.F-Kongreso okazinta en Regensburg (Germanio).

Akceptinte la inviton de la Prezidantino de H.E.F. vizitis Valladolid, la 25-an de Februaro, S-ino Tamiko Kaŭakami Nielsen, japanino loĝanta nuntempe en Norvegio kiu, uzante nur la internacian lingvon Esperanton, trakuris, preskaŭ, la tutan mondon. Ŝian viziton ni profitis por propagandi Esperanton kaj ŝi estis intervjuata en Radio Valladolid, kie ĉiusemajne okazas programo pri Esperanto kaj en La Voz de Valladolid (La Voĉo de Valladolid). En ambaŭ kazoj, S-ino M. R. Urueña, funkciis kiel tradukistino. Samtage, je la 8-a vespere, S-ino Tamiko prelegis esperante pri la temo «Kutimoj kaj Tradicioj de Japanio», kiu ege altiris la atenton de ĉiu ĉeestanto kiu plenigis la salonon. Ŝi, per tre flua kaj korekta Esperanto, rakontis al ni la kutimojn kaj tradiciojn de Japanio, komparante ilin kun la kutimoj ekzistantaj en la lando kie nun ŝi loĝas. Je la fino de sia interesa prelego ciuj forte aplaŭdis. Sekve, ĉiuj manĝetis kaj trinketis invititaj de la Grupo kaj preparite de la membroj de la Junulara Grupo «Kerno». Dum tiu agrabla momento, oni multe babilis esperante kaj eĉ, por la unua fojo en la vivo de la Grupo, junulara grupo kantis plurajn kanzonojn en esperanto.

La aranĝo de la Semajno de Internacia Amikeco finiĝis dimanĉe en la najbara urbo Palencia kien translokiĝis grupeto da valladolidaj gesamideanoj kiuj kune kun esperantistoj de Palencia, inter ili F-ino M-a Jesús Martín kiu bonege organizis ĉion en Palencia, kaj gesamideanoj González Aboín kaj Yruegas, kiuj speciale venis ekde Madrido, vizitis la Diocezan Muzeon kaj ĉeestis S-ta Meso en preĝejo S-ta Marina, kiun celebris esperante Jonás Castro. La lasta ero de la programo estis frata bankedo en centra restoracio de la kastilia urbo Palencia kie regis bonhumoron kaj fratecon. Pri la aranĝoj informis la radioj kaj gazetoj de Valladolid kaj Palencia.

### Omaĝo al S-ro Gamboa kaj esperantlingva prelego

La 30-an de marto en la sidejo de «Fido kaj Espero», prelegis pri «La E-movado en Palencio» la Prezidanto de la Grupo S-ano Luis Martín Herrero, kiu kun aliaj palenciaj samideanoj ege aktivis por la disvastigo de la internacia lingvo en tiu urbo. Bedaŭrinde, pro profesiaj kialoj multaj el la aktivuloj translokiĝis al aliaj urboj, inter ili, nia prezidanto, kaj tio kaŭzis la malprogreson de la movado en Palencio, kvankam la flamo ne estingiĝis pro la laboro de la entuziasma F-ino M-a Jesús Martín.

Sekve, la Grupprezidanto menciis la ĝojigan novaĵon ke nia samideano kaj Vic-prezidanto de la Grupo atingis la okdekjaraĝon kaj menciis la laboron por la disvastigo de esperanto plenumita de nia amiko, elstarante la serion da artikoloj kiuj dank'al lia klopodo aperis en la revuo «Club CCC». Ĉiu ĉeestanto kunportis ion por manĝi aŭ trinki, kaj la genujuloj, krom bongustan torton kun speciala esperantlingva saluto por la omaĝinto, donacis al li belegan florbukedon. La festo, kiu malvolviĝis en tre gaja etoso, pruvis la simpation kiun inter la valladolida gesamideanaro ĝuas S-ro Gamboa.

**L. Hernández**



# LA ASTRONOMIA HORLOĜO EN PRAGO

## (Premio «Fundación Esperanto» en la Internacia Literatura Konkurso en 1980-a)

Iame, dum regado de la saĝa imperiestro Karlo IV, la urbo Prago iĝis grava centro socia kaj kultura, kiu depost tiam plurfoje rolis emfaze en la mezeŭropa historio. Multajn vidindaĵojn postlasis la pasintaj jarcentoj en la ĉefurbo de nuntempa Ĉeĥoslovakio - sed al tiuj plej ŝatataj nepre apartenas la famkonata astronomia turhorloĝo de la antikva urbodomo. Aroj da enlandaj turistoj kaj fremdlandaj vizitantoj ĉiutage amasiĝas por spekti la neordinaran prezentadon, kiun la horloĝo lanĉas je ĉiu finita horo. Tamen kiu el inter la spektantoj konas la kortusan onirakonton pri malbena sorto de ties konstruinto?

Antaŭ kvincent jaroj, fine de la 15-a jarcento, en Prago vivis renoma horloĝisto, majstro Hanuŝ, kiu estis ne nur vera eminentulo en sia metifako, sed ankaŭ homo tre klera kaj instruita pri astronomio. Dezirante mondfamigi sian hejmurbon, longdaŭre li cerbumis, kalkulis, desegnis planojn kaj diligente manlaboris - ĝis fine li sukcesis por la urbodomo konstrui astronomian horloĝon, kiu estis vera admirindaĵo. Ĝi ne nur montradis tagnoktajn horojn, sed sur ĝia kalendara plato distingiĝis ankaŭ tagoj kaj monatoj, tempo de leviĝoj kaj subiroj de Suno kaj Luno, unuopaj lunfazoj, la jarciklo laŭ la zodiak-simboloj, samkiel orbitado de l' planedoj. Kaj krom ĉio ĉi, fine de ĉiu plenhoro prezentiĝis aparta, eksterordinara spektaklo:

Super la ciferplato malfermiĝas du fenestroj, malantaŭ kiuj unu post alia preterpasas figuroj de Jesu-Kristo kun la dekdu apostoloj. Dum ilia preterirado kvar alegoriaĵoj moviĝas apude de la kalendaro: skeletulo dentoklakanta renversas sablohorloĝon kaj persnure tintigas funebran sonorileton —turko kapneante rifuzas forlasi la mondon - ava-



rulo ŝancelas monsakon kapskuetante - vantulo turnas la vizaĝon enrigardante spegulon. Kaj kiam la sanktularo estas preterpasinta, en eta fenestro aperas virkoko kiu skuetas flugilojn kaj kokerikas. Fine batsono anoncas, kioma horo estas ĵus pasinta.

Tia artnivela turhorloĝo estis ja absoluta mezeŭropa unikaĵo tiutempe, kaj kompreneble ĝi altiradis neordinaran atenton; la famo pri admirinda perfekteco de tiu mehanikaĵo baldaŭ disvastiĝis kaj supozeble ankaŭ forte enviigis estrulojn en najbaraj regionoj. Praganoj ege fieris pro tio - sed same zorgumis la urbestraro, ke majstro Hanuŝ ne konstruu similaĵon ie aliloke. Des pli prava ŝajnis tiu antaŭtimo, ĉar la majstro

laŭdire ricevis mendojn eĉ de alilande kaj oni ne malatentis, ke la fenestro de lia laborejo ofte lumas ĝis malfrua nokto.

Multe cerbumis la urba konsilantaro, kiamaniere al Hanuŝ malebligi laboron por pluaj interesotoj; nek ian ajn kontrakton nek ĵurpromeson ili konsideris sufiĉa garantio. Kaj tiam unu el la estraranoj, homo malvirta, senmorala kaj eksterordinare brutala, prezentis fiegan insidan proponon, kiu komence ĉiujn timigis pro sia krueleco. Tamen, nesciante alian solvon kaj ruze persvadite per elokventa parolo de la proponinto, ili konsentis finfine.

Jen kio okazis do kelkajn tagojn poste:

La maljuna majstro sidis sola en sia hejmo, prilaborante projekton por nova farotaĵo. Liaj juna helpisto kaj olda mastrumantino forestis, prizorgante iaĵojn - kaj majstro Hanuŝ, sidante ĉe la kameno kaj okupite de sia laboro, eĉ ne rimarkis, ke iompostiome jam vesperiĝis. Ĝuste li volis bruligi lanternon, kiam bruaj batoj aŭdiĝis ĉe la dompordo.

«Kiu estas?» demandis Hanuŝ.

«Malfermu ja», malmilda voĉo eksonis de ekstere, «jen grava mesaĝo por vi!».

La majstro do, forigintе riglilon, malfermetis la pordon. Sed en la sama momento tri maskitoj perforte sin enpuŝis, brutale kaptis la maljunulon kaj enbuŝigintе al li ŝtopilon, trenis lin al la kameno. Du el tiuj uloj per firmaj premoj senmovigis la perfortiton, dum tiu tria prenis feran stangon kaj duonŝovis ĝin en la flamojn de l' kameno. Brulvarmigintе ĝin, li alpasis al la maljunulo, direktante la ruĝbrulan stangopinton kontraŭ lian vizaĝon. Nun la senpova majstro jam ekkomprenis la ferocan intencon. Ega teruro lin atakis kaj preskaŭ freneziĝis - sed sekvamomente li jam svenis pro akuta, netolerebla doloro penetrinta liajn okulojn...

La post tempeto reveninta helpisto trovis sian mastron kuŝi senkonscie, kun abomenaj vundegoj en la vizaĝo. Senprokraste li venigis proksime loĝanton kuraciston. Tiu sukcesis malsvenigi la povran kripligiton, flegis liajn vundojn kaj per bonefikaj medikamentoj malpliigis lian doloron - tamen savi liajn okulojn li ne kapablis. La famkonata horloĝisto iĝis porĉiama blindulo...

Fulmorapide disfamiĝis la sciigo pri la feroca evento; sincere oni kompatis la atenciton, sed kompreni la veran kialon de l' terura krimo kapablis neniu.

Dank' al sindona, persista flegado fare de la mastrumantino, la korpa forto de majstro Hanuŝ iom post iom revenadis, ja tamen praktikadi sian metion li neniam plu povis. Sajnis eĉ, ke lia menso kvazaŭe malklariĝis.

Intertempe, la juna helpisto laŭscipove zorgadis pri sendifekta funkciado de la urba turhorloĝo. Regule li alvenadis por inspekti la meĥanismon kaj antaŭeviti eventualajn paneojn. Kaj kio okazis! Dum unu tia deĵorvizito li hazarde elaŭskultis konfidencan interparolon de du urbestraranoj:

«Vere bonega laboraĵo, jena horloĝo», diris la unu, «kaj nenie en la mondo oni havos similan, ĉar tiaĵojn sole la olda Hanuŝ scipovas - kaj tiu ja ne kapablas plu...».

«Jes», konsentis la alia, «sagace ni aranĝis la aferon».

Rehejmiĝinte, la junulo tuj raportis al sia ĉefo kaj tiu nur ĉi-tempe ekkomprenis: tiel do rekompencis la moŝta urbestraro lian multjaran dejoradon! Kiom maljustega kaj fieca ano povas esti...

Ekde tiam nur vivacis la malfeliĉa majstro. Senkonsole li tristis, malparolema estiĝis, pli kaj pli senforta kaj kaduka. Unutage, kiam la helpisto denove estis ironta por inspekti la turhorloĝan meĥanismon, la majstro esprimis intencon kuniri. Volonte la junulo plenumis lian deziron, opiniante ke la ĉefo komencas ree interesiĝi pri metiaj aferoj.

Emociigita ekstaris la blindulo en la kamereto dorsflanke de la horloĝmaŝino, aŭskultante la mallaŭtan, regulritman tiktakadon de sia majstra laboritaĵo. Delikate, eĉ preskaŭ tenere, li estis pripalpanta unuopajn konsistaĵojn de la komplikita meĥanikaĵo; la tuta multnombra dentradaro kaj la aksoj, rapidumaĵoj kaj leviloj kvazaŭ spirite projekciiĝis antaŭ lia blindigita vido - sed samtempe en lia animo retrospektive bildiĝis lia tuta vivo kun ĉia oferplena, sindona laboro kaj konstanta klopodado ĝis lia nuna

mizera sorto...

Jus finiĝis plena horo kaj fronte de la urbdoma turo komenciĝis la laŭorda spektaklo: en la malfermiĝintaj fenestroj ekmarŝis jam la sanktularo kaj la Morto eksonigis la sonorileton - kiam la majstro neatendite enmetis la manon internen de la maŝino kaj perforte fleksis unu levilon. En la horloĝa meĥanismo kelkfoje knaris disharmonie, aŭdiĝis aĉa fersona krako - kaj tujsekve en la ejo estiĝis surpriza silento malbonanonca. La maljunulo aflikte ĝemis elprofunde, kvazaŭ preĝonte suprenturnis la senokulan vizaĝon - kaj sekvamomente li sinkis planken senviva. Lia koro finbatis samtempe kun lia ĉefverko.

Do, jen la onidiraĵo; ĉu laŭvera, ĉu elpensita - kiu prijuĝu? Fakto estas, ke la urbdoma turhorloĝo longdaŭre mutis kaj poste dum kelkdekoj da jaroj sole kriple funkciaĉis. Nur post la duono de la 19-a jarcento oni sukcesis ĝenerale ripari ĝin, entute renovigi kaj refunkciigi laŭ la origina projekto de l' inventinto. Ekde tiam ĝi funkcias jam perfekte.

Nun, se vi iam vizitos Pragon, ne malatentu la antikvan urbodomon. La konstruaĵo mem estas duonruinigita pro milita barbareco - tamen ties gotika turo ĉiam ankoraŭ staras kaj lanĉas la famkonatan spektaklon per sia astrohorloĝo de majstro Hanuŝ. Ĉar ĉiaj krueleco kaj vandalismo kaj brutaleco forpasadas kun malvirtuloj - sed inĝeniaj faritaĵoj siajn kreintojn postvivas.

**Valdemar Vinar**
**(Cheb, Ĉeĥoslovakio)**

# A. SILBERNIK AŬ S. SILBERNIK?

## Bernard Golden

En *Dialogo* (januaro-marto 1980) aperas sur paĝoj 11-14 artikolo de R. Haupenthal titolita «Nova teksto de Zamenhof». Ĝi enhavas faksimilajn reproduktaĵojn de la nekrologo pri la bopatro de Zamenhof, kiun la aŭtoro de Espeanto verkis anonime en 1906, kaj la letero, kiun li sendis al la redakcio de **Lingvo Internacia** samtempe kun la nekrologo. Tiu letero atestas, ke Zamenhof estas la aŭtoro de la nekrologo, kiu aperis en **Lingvo Internacia** kun la titolo «S. Silbernik». Ĉe la fino de la noto verkita de s-ro Haupenthal rilate tiujn ĉi du tekstojn, estas du bibliografiaj referencoj pri la mortinto, nomata en ambaŭ Aleksander Silbernik. Ne estas klarigo pri la malakordo inter la inicialoj de la voknomo: la unika "S" troviĝas nur en la nekrologo, kaj la "A" aperas en ĉiuj aliaj Esperantaj tekstoj menciantaj la bopatron de Zamenhof.

Lastatempe Ludovikito (pseŭdonimo de Kanzi Ito), la eldonistoredaktoro de **Iam Kompletigota Plena Verkaro de L. L. Zamenhof**, esprimis sian opinion sur p. 364 en kajero 8, ke "S" estas eraro, kiu ensteliĝis en la nekrologon en **Lingvo Internacia.** Li asertas, ke ĝi «nature estis kaŭzita de nesciado de la redaktoro, kaj ni ne bezonas senti ian dubon». Bedaŭrinde, oni ne povas esti tiel certa pri io ajn en la mondo, precipe pri nomoj kaj nomvariaĵoj de esperantistoj. La "S" ne estas redakcia malĝustaĵo sed la inicialo de variaĵo de la voknomo "Aleksandro", la mallongigita jida formo "Sender". Plej verŝajne tiu ĉi estis la kutima, ĉiutaga nomo uzata de s-ro Silbernik, liaj familianoj kaj ankaŭ la boparencoj Zamenhof, dum "Aleksandro" estis formale uzata por kontaktoj ekster la familia kaj samgenta ĉirkaŭmedio. Posedantoj de kajero 7 de la plena verkaro eldonita de Ludovikito bonvolu anstataŭigi la literojn "A" en la titolo kaj teksto de la nekrologo sur p. 295 per "S" kaj, forstrekinte la eraran piednoton «en la gazeto: S. Silbernik», skribi: "S" estas la inicialo de "Sender", mallongigita jida formo de "Aleksandro".

# FUNDACION «ESPERANTO»

## INTERNACIA LITERATURA KONKURSO

La Patronaro de la «Fundación ESPERANTO» decidis dum kunsido okazinta la 12-an de februaro de 1982-a organizi Internacian Literaturan Konkurson en Esperanto.

Estos du premioj kaj du subpremioj, por du malsamaj temoj, kvazaŭ ili estus du apartaj Konkursoj.

### PREMIO «SANCHO REBULLIDA»

Premio, 12.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
Subpremio, 6.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos la premiojn al la du plej bonaj verkoj libervole elektitaj en la temoj: «Popola Rakonto» aŭ «Priskribo pri urbo aŭ regiono kun la monumentoj kaj tradiciaj festoj kaj moroj».

### PREMIO «JUAN MIGUEL PIQUERO»

Premio, 10.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
Subpremio, 5.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos la premiojn al la du plej bonaj infanaj rakontoj originalaj aŭ tradukitaj, verkitaj en facila lingvo, por ekinstrui Esperanton, al infanoj havantaj la aĝon de sep ĝis dek jaroj. La rakontoj povas esti ilustritaj aŭ nur literaturaj. Pro ĝia ebla eldonado la ilustraĵoj devos esti originalaj.

### REGULARO

1) Ĉiu konkursaĵo por premio «Sancho-Rebullida» ampleksu 4 - 6 foliojn.
   Ĉiu konkursaĵo por premio «JUAN MIGUEL PIQUERO» ampleksu 2 -3 foliojn.
2) Ĉiu konkursanto sendu kvin ekzemplerojn de la konkursaĵo tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj, kun la indiko: «Por la Konkurso de «Fundación ESPERANTO», premio ...........»
3) La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la Konkursanto, kaj en aparta fermita koverto, surhavanta la identigan pseŭdonimon, estu slipo kun la nomo kaj adreso de la konkursanto.
4) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La dat-limo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la konkursaĵojn estas la 30-an de septembro 1982-a.
   La Verdikto publikiĝos en la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1982-a.
6) Oni sendu la tekstojn al Inés Gastón, Pº de la Constitución, 35, 4º dcha. ZARAGOZA-1 Hispanujo.
   Zaragoza la 15-an de marto de 1982-a

**Inés Gastón**
**Sekretario de la «Fundación ESPERANTO» kaj de la Konkurso.**

# 22-aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

Kataluna Esperanto-Asocio invitas la esperantistajn poetojn kaj prozistojn tutmondajn, konkursi per siaj plej valoraj verkoj en tiu ĉi tradicia beletra trobadora festo, kiu okazos en la kadro de la Kataluna Esperanto-Renkontiĝo de la jaro 1982-a.

## ORDINARAJ PREMIOJ

**A - Poezia branĉo**

ROZO al plej altkvalita am-tema poemo originale verkita en Esperanto.

EGLANTERIO al plej altkvalita priesperantisma poemo, aŭ al tiu je temo laŭvole elektita de la aŭtoro, originale verkita en Esperanto.

VIOLO al plej altkvalita humanisma aŭ etika poemo, originale verkita en Esperanto.

**B - Proza branĉo**

PREMIO «FREDERIC PUJULA i VALLES» al plej altkvalita prozaĵo, originale verkita en Esperanto.

## EKSTERORDINARAJ PREMIOJ

**C - Traduka branĉo**

PREMIO «JAUME GRAU i CASAS» al plej altkvalita traduko esperanten, jen versa, jen proza, el katalunlingva verko.

PREMIO «ARTUR DOMENECH i MAS» al plej altkvalita traduko katalulingven, jen versa, jen proza, el Esperanta verko:

(La tradukinto nepre devas kunsendi fotokopion de la originala teksto).

La ĵurio aljuĝos la NATURAN FLORON al tiu plej altkvalita verko el la kvar ORDINARAJ PREMIOJ. La ĵurio povos ankaŭ aljuĝi, laŭ bontrovo, honorajn menciojn.

La verkojn oni sendu al la sekretario s-ro Gabriel Mora i Arana, strato Carrió n-ro 7, 4º, MANRESA, KATALUNIO (HISPANIO).

# INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ KUNVENOJ

La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (I.L.E.I.) okazigos sian 16-an Internacian Konferencon en Seiano di Vico Equense (Napoli) Italio, de la 15-a ĝis la 24-a de Julio. Informojn petu al S-ro Francisco Zaragoza; Queipo de Llano, 18, CALLOSA DE SEGURA (Alicante).

De la 4-a ĝis la 11-a de Septembro okazos en Cavigliano (Svislando) Internacia Ferio-Semajno organizita de la Turista Asocio «La Naturamikoj» Esperanto-Fako.

10-a ĝis 24-a julio 1982: ICEM-Renkonto por koni kaj vivi la Freinet-pedagogion, apud BUDAPEŜTO, Hungario. Skribu de la okcidentaj landoj al: Henri MENARD, I, rue de la Galissonniére, F-44330 LE PALLET - Francio. de la socialistaj landoj al: Gabriella ÖSZ, Hengermalom u. 47 - H-1116 BUDAPEST, Hungario.

# RESUMEN DE CUENTAS DE LA SECCION EDITORIAL DE F.E.F. - 1981

**Ingresos:**

| | | |
|---|---|---|
| Saldo a favor en 31.12.80 | 18,— | pesetas |
| Por venta de material | 15.243,— | " |
| | 15.261,— | " |

**Gastos:**

| | | |
|---|---|---|
| Material según nota presentada | 10.000,— | pesetas |
| Pago Inst. Nac. Libro Español | 900,— | " |
| Correo, etc. | 4.121,— | " |
| | 15.021,— | " |

**Resumen:**

| | | |
|---|---|---|
| Ingresos | 15.261,— | pesetas |
| Gastos | 15.021,— | " |
| Saldo a favor | 00.240,— | " |

La edición de «XVIII-aj Internaciaj Floraj Ludoj» que pudo hacerse en 1979, gracias a una aportación extraordinaria que hay que ir reintegrando, continúa sin poder entrar en las cuentas generales de la Sección.

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1981.

# MEMORIA-RESUMEN DE LA LABOR REALIZADA POR LA FUNDACION «ESPERANTO» Y DEL ESTADO DE FONDOS DE LA MISMA

Durante el año 1981, no se produjo ningún cambio en el seno del Patronato de la Fundación ESPERANTO, por lo que la labor pudo realizarse tal como estaba programada.

## LABOR REALIZADA

Al igual que en el pasado año, la labor realizada por la Fundación ESPERANTO, ha vuelto a centrarse en la celebración de Concursos, habiéndose convocado en este año, el Concurso para premiar la labor de enseñanza y divulgación de la lengua internacional Esperanto, sin dejar por ello la labor de promoción de la obra de Cervantes, «El Ingenioso Hidalgo Don Quijote de la Mancha», en Esperanto.

En el Concurso convocado, correspondió el premio a Don Angel Salete Tejero, de Zaragoza, por su desinteresada y eficaz labor en pro de la enseñanza y difusión de la lengua internacional.

El premio estuvo dotado con 5.000 pesetas, más diploma acreditativo y medalla conmemorativa.

## ESTADO DE FONDOS

Durante 1981, el capital de la Fundación ESPERANTO, ha observado el siguiente cambio: Ha aumentado en ocho accs. de la Compañía Telefónica Nacional de España, y en cinco accs. de Fuerzas Eléctricas de Cataluña, correspondientes al igual que las anteriores a las ampliaciones habidas en el año.

Del movimiento de fondos se informa en las cuentas presentadas.

El legado dejado en testamento por Da. Elisa Ferrándiz, Vda. de Casanovas, continúa sin haberse hecho efectivo, por no haber vendido todavía los herederos, la finca que responde al mismo.

Zaragoza, a treinta y uno de diciembre de 1981.

**Firmado: Inés Gastón**
**Secretaria del Patronato de la Fundación ESPERANTO**

# CUENTAS DE TESORERIA DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO 1981

**INGRESOS**

| | | |
|---|---|---|
| Sobrante del año 1980 ........................ | 26.151 | |
| Cuotas de socios ............................. | 397.017 | |
| Venta de material ............................ | 6.510 | |
| Donativos .................................... | 38.900 | |
| Derechos de exámenes ......................... | 4.200 | |
| Entegado por Libroservo (1980 y 81) .......... | 28.000 | 500.778 |

**GASTOS**

| | | |
|---|---|---|
| Correo, oficina y reembolsos ................. | 39.528 | |
| Renta del local y servicios .................. | 12.000 | |
| Material de divulgación ...................... | 29.967 | |
| Cuota U.E.A. 1981 ............................ | 15.050 | |
| Ayuda a Sección Juvenil ...................... | 6.275 | |
| Donación a Sección Española de I.L.E.I. ...... | 1.000 | |
| Imprenta y edición Boletín ................... | 264.121 | |
| Varios ....................................... | 1.853 | |
| Saldo a cuenta nueva ......................... | 130.984 | 500.778 |

Valladolid, 31 diciembre 1981

Vº Bº
M. Rafaela Urueña
(Presidenta de la F.E.E.)

Carmen Conde
(Tesorera)

# CUENTAS DEL 41 CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

**INGRESOS**

| | | |
|---|---|---|
| Cuotas de congresistas ....................... | 120.030 | |
| Ayuda económica del Ayuntamiento de Murcia ... | 50.000 | 170.030 |

**GASTOS**

| | | |
|---|---|---|
| Teatro Polaco ................................ | 72.300 | |
| Olivier Tzaut ................................ | 18.000 | |
| Gastos de imprenta ........................... | 45.991 | |
| Gastos generales ............................. | 26.501 | 162.792 |
| Saldo favorable .............................. | | 7.238 |

Eduvigis Muñoz Garre
(Tesorera)

# MONDA FUTBALKONKURSO M-82



Respondeculoj de Informoficejo M-82 vizitis la stadionon kie okazos la inaŭguro de la Monda futbalkonkurso, kaj poste estis ricevitaj de s-ro N. Casaus, vicprezidanto de F. K. Barcelono, kiu montris sin al ili tre favora por Esperanto kaj indikis, ke persone kaj nome de F. K. Barcelono li estas preta fari demarŝojn kaj subteni mondan peton al la internaciaj instancoj pri sporto, por oficialigi kaj uzi la internacian lingvon Esperanto kiel labora lingvo en la mondaj organizaĵoj.

Cetere oni sciigas vin, ke danke al la demarŝoj de Hispana Fervojista Esperanto-Asocio, «RENFE» nacia fervojo, eldonos broŝuron en Esperanto pri la fervojaj servoj okaze de M-82; plie oni organizis intensan Esperanto-kurson por la interpretistinoj kiuj deĵoros en la centra stacidomo de Barcelono. Tiu kurso Komenciĝis la pasintan 15-an de marto kaj gvidas ĝin s-ro R. Devis.

---

# Convocatoria a Junta General de la Federación

De conformidad con lo establecido en nuestros Estatutos, se convoca a Junta General ordinaria, que se celebrará en Málaga el día 19 de julio, a las 5 de la tarde, en el salón de actos de la Obra Cultural de la Caja de Ahorros Provincial, con arreglo al siguiente:

**ORDEN DEL DIA**

1º Lectura y aprobación, si procede, del Acta de la Junta General anterior.
2º Estado de Ingresos y Gastos de 1981.
3º Estado de cuentas del Servicio de Libros.
4º Memoria de actividades.
5º Propuesta renovación Directiva de H.E.F.
6º Ruegos, preguntas y proposiciones.

EL SECRETARIO

# INTERNACIA JARO DE KO

## (UN KAJ NI, número 24)




«Klasika» metodo de komunikado?

Finfine «nia Jaro baldaŭ venos; —«nia Jaro», por kiu ni povas *kompetente* kunlabori kaj en kiu ni povos streĉi nian forton ĝis maksimume.

La Ĝenerala Asembleo de la Unuiginta Naciaro en sia kunsido en la 1981a novembro proklamis la jaron 1983 «Internacia Jaro De Komunikado». (Vidu ankaŭ: *Esperanto* de 1982-01, paĝo 1.)

Estis ĝis nun diversaj «Jaroj» kaj «Jardekoj», en kiuj ni kunlaboris. Kaj ni estas ankoraŭ meze de kelkaj «Jardekoj» (kontraŭrasisma, virina, malarmada, evoluiga, kaj eĉ trinkakva/higiena).

Ni estas meze de ankaŭ alia «Jardeko», t. e. «Jardeko por transportado kaj komunikado en Afriko: 1978-1988».

## KIO ESTAS KOMUNIKADO?

Kiam ni pensas pri komunikado, ni unue pensas pri nature homa, senpera komunikado.

Kiam komunikaj fakuloj pensas pri komunikado, ili ĝenerale flanken ŝovas la buŝ-al-buŝan komunikadon, ĝin tute neglektante aŭ rigardante kiel «klasikan» komunikmetodon.

Dum jardekoj UEA atentis la diskutadon de komunikadaj specialistoj. Sed ĝi vane serĉis vortojn «*lingva* problemo» en eldonaĵoj de tiukampaj fakuloj. Ili kutimas pritrakti telekomunikilojn, kiaj estas satelitoj, televidiloj, kaj aliajn amaskomunikilojn, kiaj estas gazetoj kaj aliaj eldonajoj.

# KOMUNIKADO: 1983

Ne estas strange, ke en la UN-familio estis Internacia Telekomunika Unio (ITU), kiu forte deziris la proklamiĝon de komunika jaro. Supozeble ITU ne konsideras la buŝ-al-buŝan komunikadon.

Estas nur lastatempa fenomeno, ke Unesko komencis pritrakti lingvan dimension en la komunikado interhoma. Por tion atingi, pluraj anoj el ni strebis - per verkado de leteroj, per vizitoj, per partoprenoj al konferencoj - el Usono, el Svislando, el Parizo... Kaj ne forgesende estas, ke verŝajne ankaŭ la tempo maturiĝis, ĉar diversaj funkciuloj en la UN-medio (ankaŭ de Unesko) havas en si grundon por kompreni niajn argumentojn.

## NIAJ TASKOJ

Povas facile pasi unu jaro, se ni ĉe-table cerbumas, kiel ni agu. Ni bezonas tujajn, tamen prudentajn agojn.

Jam en la jaro 1982, raportistoj de radio kaj televido kaj ĵurnalistoj kaj gazetistoj en la mondo komencas serĉi ion por informi la publikon rilate al la komunika jaro 1983. Ili malfermas al ni la pordon.

La gazetaraj servoj de UEA kaj de landaj asocioj povas facile aliri al ili, se ili taŭge faras. Lokaj grupoj povas turni sin al la lokaj amaskomunikiloj.

Okaze de la komunika jaro, ni atingu almenaŭ, ke la publiko konsciiĝu pri la gravaj roloj de lingvoj en la komunikado, pri la ekzisto de lingvaj baroj en la internacia komunikado, pri la esenceco de lingvo en la ĉiutaga vivo, pri senpera interhoma komunikilo por internacia reciproka komprenado. Eĉ tutan libron pri tiuj temoj ni ja povas verki en propra nacia lingvo. Ni ĉiuj povas havi gravan taskon. La «Internacia Jaro De Komunikado 1983» iĝu por nia movado ia mejloŝtono.

# NOTA ACLARATORIA

En relación a la nota aparecida en el anterior número de BOLETIN sobre el cumplimiento del período como vocales de D. Víctor Ortiz y D. Pedro Nuez, se comunica que la nota queda sin efecto, rogando a cada Vocal, que una vez cumplido el período reglamentario, lo comunique por escrito a la Secretaría de la Federación.

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

L'AVENTURA HUMANA de Giordano Moya Escayola. 241-paĝa volùmo, 13,5 x 20 cm., volumo de la kolekto Nartex de la eldonejo Portic, Barcelono 1981. Prezo 550 p-toj.

Ĉu vi konas samideanon Moya? Li estas saĝa kataluna merita aŭtodidakta persono kaj mi eĉ kuraĝas skribi ke li estas populara filozofo krom elstara Esperanta pioniro. Longe babili kaj plej bone aŭskulti amikon Moya, estas spirita plezuro kaj vivanta leciono de praktika saĝeco.

Do li verkis libron, verko kiu enhavas personajn vidpunktojn kiuj eble kelkfoje ili estas diskuteblaj, sed ĉiam legindaj.

La libro komencas kun ĵurnalista prezento kaj intervjuo fare de Joan Alcaraz al la aŭtoro, kaj la verkisto Josep Dalmau faras enkondukon al la verko.

La libro komencas kun detala rezonado de kio estis la homa aventuro tra la jarcentoj, alvenante al la dua parto de la verko kie la aŭtoro konsideras la homan starpunkton laŭ la politika kaj ekonomia situacio. La du plej gravaj blokoj, kapitalismo kaj komunismo kun la koncernaj kvalitoj kaj malavantaĝoj, regas la nunan mondon.

La aŭtoro, tra la verko, faras sin multajn demandojn kaj tuj li respondas ilin, preskaŭ ĉiam kun tre taŭga konkludo, laŭ mia persona vidpunkto.

Fine li alvenas je la tria kaj fina parto de la libro, sub la titolo **Celo de la homa aventuro**, kaj estas tie kie pli pezas la argumentojn de la aŭtoro. Li donas al la homaro la koncernan solvon, sed ni ĉiuj devas kunlabori, kaj ankaŭ la internacia lingvo Esperanto, laŭ Moya, estas bona ilo por kunhelpi.

Do jes, la solvo ekzistas, meze de la indikitaj du grandaj politikaj blokoj, estas trairebla la tria vojo, la **SOCIAL-HUMANISTA-MOVADO**, sistemo pri kiu la aŭtoro ekipe, jam de longe semas kaj laboras. Tiu ĉi sistemo povos konduki la homaron al pli ĵusta socia ordo kaj solvos multajn homajn problemojn. Oni bezonas tutmondan kampanjon kun la apogo de ĉiuj bonvolemaj personoj. La libro kiun ni recenzas, montras ke tiu tria vojo estas la sekvenda.

La verko de Giordano Moya estas vera kompendio de racia analizo kaj etika solvo de la plej gravaj problemoj de nia generacio.

Mi varme rekomendas ĝin al tiuj kiuj scipovas la katalunan linĝvon. Vere tiu ĉi verko alte honorigas nian movadon ĉar esperantisto tre lerte kaj alloge verkis ĝin.

**Ramón Molera**

**CURSET D'ESPERANTO**, eldonita de Pere Saumell i Vila, en MANRESA (Barcelona), la jaron 1981-an. Formato 21,5 x 16 cm. Prezo 500 p-toj. E-katalunlingva Cseh-metoda lernolibreto 84-paĝa, fotokopio de tajpita originalo sur bonkvalitan paperon, kun plasta kovrilo ilustrita per gracitalia figuro de minijupa Esperanto-instruistino, kaj aparta reprodukto de portreto de la Majstro kun lia manskribita sentenco: «Kiam la popoloj povos libere sin kompreni, tiam ili ĉesos sin malami».

En la libreto trafe alternas kaj spritaj tekstoj de la aŭtoro, kaj iuj rakontoj el tiu mondfama metodo, kio pozitive helpas la gekursanojn, eĉ memlernantojn, facile familiariĝi en la lingvon de Zamenhof. Tamen, ankaŭ kelkaj malĝustaĵoj enŝoviĝis en ĝian tekston, kiujn la aŭtoro, cetere tre prestiĝa kaj kompetenta Cseh-metoda kursgvidanto, mem povus revizii por estonta eldono, ĉar ja lia lernolibro meritas preferan lokon en tiu kampo de la Esperantoinstruado, en kiu oni parolas la katalunan lingvon.

**VELUS**

# DEZIRAS KORESPONDI

Kun hispanaj gesamideanoj kiuj kolektas p.m. kaj b.k. kaj por interŝanĝo de spertoj kaj ideoj: Fam. Sonja kaj Leonid Senj.—Kv. «Pishamana» B1. 79, VH, B. AP 17 VELIKO TIRNOVO (Bulgario).

Ivan Gjuzelek; Bul. Petko Todorov bl. 11 VH A.—1.408 SOFIA (Bulgario) por interŝanĝi kalendaretojn.

69 jaraĝa Direktoro de Nacia Kolegio, S-ro Francisco Uceda.—Diego de Hoces, 3, BAEZA (Jaén) (HISPANUJO) por interŝanĝi uzitajn p.m.

21-jaraĝa S-ro Juraj Svantner.—Ku amfiteatru, 1.—080 01 PRESOV (Ĉeĥoslovakio) kun hispanaj gejunuloj pri muziko, filmo, sporto, fotografio kaj intersanĝo de p.m. kaj b.k., insignojn, gramofondiskojn k.t.p.

Kun la tuta mondo, 28-jaraĝa S-ino Ensebet Terebessy; Felsnabadulas 30; H-9184 KUNSRIGET (Hungarujo) instruistino en mezlernejo kaj komencantino, pri filmo, teatro, literaturo.

54 jaraĝa S-ro Lászlo Arady; P.O. Box 315; H-6701 SZEGED (Hungario) pri ĉiu temo. Li kolektas magazinojn pri seksaj temoj.

S-ro Ján Maniačev; Krupinská 6; 040.00 KOSICE (Ĉeĥoslovakio) por interŝanĝo de p.m. Li kolektas p.m. pri la temo Sporto-Hokejo.

Por perfektigi sian konon pri la hispana lingvo, S-ino Magdalena Hatlaczki; Harrer Pal ul 22. H-1033 BUDAPEST (Hungarujo).

18-jaraĝa gimnazianino F-ino Kerkai Lilla; Attila 10; H-8.800 MAGYKANIZSA (Hungario) kun hispanaj gejunuloj.

Janusz J. Olbrzymek.—Skrytka pocztowa 54; 30-964 KRAKOW42 (Pollando) kun komencantoj.

16-jaraĝa fraŭlino deziras korespondi kaj interŝanĝi b.k.: F-ino Judit Csoma.—**Tiszafüred**.—Bartók Béla 1 a. 5350 HUNGARIO.

---

# LASTAJ INFORMOJ

S-ro Giordano Moya Escayola, elstara kataluna esperantista pioniro, prelegos esperantlingve pri la temo «LA ESPERANTISMO KIEL HISTORIA FAKTORO», la 17-an de julio je la 19-a horo en la Kongresejo.

Ni petis al la koncernaj instancoj, la starigon de por okaza poŝt-stampilo, uzota dum kelkaj tagoj de la kongreso.

Pro someraj ferioj, ĉiu Servo de H.E.F. (Sekretario, Libroservo k.t.p.) ne funkcios dum la monatoj Julio kaj Aŭgusto.

# PROGRAMO DE LA 42-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

(Málaga 16-a ĝis 21-a de Julio de 1982-a)

**KONGRESEJO**: Obra Cultural de la Caja de Ahorros Provincial de MALAGA.

16-an (Vendredo)
Akcepto de la gekongresanoj kaj disdonado de dokumentoj en la Kongresejo (Alameda de Andalucía, 54-56).
20,30 h. Interkona Vespero (Centro Cultural de la G.F.U. C/ Trinidad Grund, 28, 2º).

17-an (Sabato)
9,30 Ekzamenoj Elementa kaj Supera (Centro Cultural)
9,30 Kunsido de la Estraro de H.E.F. kun delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj (Kongresejo).
12 Oficiala Malfermo de la Kongreso (Kongresejo)
Oficiala Foto
19 h. Prelego en Esperanto (Kongresejo)
22,30 h. Andaluzia Festo (Recinto Eduardo Ocón)

18-an (Dimanĉo)
10 h. Vizito al la ĉefaj urbaj vidindaĵoj
13 h. S-ta Meso en Esperanto (Preĝejo Stella Maris)
18 h. Fakaj Kunvenoj (Centro Cultural)
Barbacoa (tipa festo aparte pagenda)

19-an (Lundo)
10 h. Simpozio pri la instruado de Esperanto (Kongresejo)
17 h. Ĝenerala Kunveno de H.E.F. (Kongresejo)
20 h. Arta Vespero (Kongresejo)

20-an (Mardo)
9 h. Simpozio pri Fakaj Sekcioj en Hispanujo (Kongresejo)
12 h. Hispanlingva prelego de Prof. Andrés Martín pri la temo «Recursos lingüísticos del Esperanto» (Kongresejo)
18 h. Solena Fermo de la Kongreso (Kongresejo)
22 h. Oficiala Bankedo (Rest. Antonio Martin. Pº Marítimo)

21-an (Merkredo)
Tuttaga ekskurso al la Okcidenta Suna Marbordo vizitante Benalmádena, Torremolinos, Mijas, Fuengirola, Marbella, k.t.p.